11-a jaro. — N-ro 3-4 (121-122) Marto-Aprilo 1925.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro ;

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.



JARA ABONPREZO : Fr. 10—

EKSTERLANDE : Fr. 12.50

ANTVERPENO

1925

# XIVa Belga Kongreso de Esperanto

## VERVIERS, 30-31 Majo, 1-2 Junio 1925.

ALIĜILO (nur popersona) resendota, kiel eble plej frue, al «XIVa Belga Kongreso deEsperanto» Verviers, La Mutuelle, rue Tranchée, 50. — Poŝtĉekkonto N° 151.610.

Subskribant(in)o:

Nomo : ..............................................................

Profesio : ..............................................................

Adreso : ..............................................................

| | PREZOJ (en frankoj) po unuo | mendotaj |
|---|---|---|
| Kongresa karto | 6.— | ............ |
| Loĝado dum ......... noktoj | 10.— | ............ |
| Fotografado (poŝtkarto) | 1.— | ............ |
| Festeno | 17.50 | ............ |
| Aŭtomobila promenado al La Gileppe kaj Spa | 7.— | ............ |
| Ilustr. poŝtkartoj pri Verviers kun esperantlingv. surskriboj. po 7 | 1.— | ............ |
| Gvidlibro ilustrita pri Verviers | 1.— | ............ |

Sumo pagota al poŝtĉekkonto N° 151.610: ............

### INFORMOJ.

**Mi intencas alveni:** Sabaton 30an — Dimanĉon 31an Majo.

Mi (ne) restos Mardon 2an Junio kaj (ne) deziras partopreni la postkongresan ekskurson.

(forstreku la nekonvenan)

**Preferoj pri loĝado:** (Bonvolu indiki precize, ĉu vi alvenos sola aŭ ne, kaj ĉu vi deziras loĝi sola en aparta ĉambro, aŭ en unu- du-loka lito kun aliaj kongresanoj en la sama ĉambro, k. t. p.

Dek frankoj estas la ĝenerala postulata prezo de popersona loĝigado en konvena hotelo)

..............................................................

..............................................................

..............................................................

Ĉu vi havas specialan artan talenton, kaj ĉu vi akceptas partopreni en nia koncerto?

Se jes, bonvolu indiki ĉi-sube vian detalan programon (eventuale kun daŭro):

..............................................................

..............................................................

..............................................................

Dato kaj subskribo: ..............................................................

Ne forgesu alporti **kantojn kaj flagojn.**

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

# ADMONO!

Tuj post ricevo ne nuna numero

---

**REPAGU vian kotizon-abonon (FR. 10.--)**

por 1925

## a) se vi estas

membro de loka liga grupo :

AL LA KASISTO DE VIA GRUPO;

---

## b) se vi estas

aparta membro-abonanto :

*Al la kasisto de la Ligo :*

**S-RO F. MATHIEUX**

**94, AVENUE BEL-AIR, UCCLE-BRUSELO**

**POŜTĈEKO : NRO 39984**

---

## c) Eksterlandanoj

per poŝtmandato al la suprecitita kasisto de la Ligo.

11a JARO. N-ro 3-4 (121-122) MARTO-APRILO 1925

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Postceko No 39984.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# Belga Ligo Esperantista.

## XIVa BELGA ESPERANTO-KONGRESO

*VERVIERS, 30an, 31an de majo kaj 1an de junio 1925.*

Estimata Samidean(in)o.

Ni havas la honoron sciigi al vi, ke la **XIVa Belga Esperanto-Kongreso** okazos en Verviers dum la venontaj Pentekostaj festotagoj.

Ĉar Verviers estas bela urbo lokita en plej pentrinda regiono de nia lando, ĝi certe allogos ĉiujn niajn gesamideanojn kaj precipe tiujn el la flandra parto. La organiza komitato aranĝis tre belan programon kaj ĝi nenion preterlasos por igi plej agrabla la restadon de la gekongresanoj.

Por faciligi la organizan laboron ni nur povas konsili al ĉiuj tuj aliĝi kaj ni petas la grupestrojn, ke ili bonvolu kolekti la aliĝilojn kaj senprokraste ilin resendi al la organiza komitato, **kiu deziras ricevi unu aliĝilon por ĉiu aliĝanto.**

Esperante, ke ĉiuj faros sian devon por sukcesigi nian ĉiujaran Generalan Kunvenon, ni prezentas al vi, kara Samidean(in)o, la esprimon de niaj plej sinceraj samideanaj sentoj.

Je l'nomo de «Belga Ligo Esperantista».

La Ĝenerala Sekretario,
HENRI PETIAU.

La Prezidanto.
A. J. WITTERYCK.

VERVIERS. — LA KATEDRALO.




PROGRAMO DE LA KONGRESO.

**Sabaton, 30an de Majo.** En la Akceptejo, Café des Pays Bas, rue de la Concorde:

17a h. Malfermo de la akcept-oficejo;

18 h. Ĝenerala interkonatiĝa kunveno;

19a h. Kunveno de la Ligestraro;

20a h. «Chambre des Métiers et Négoces de Verviers» bonvenigas la kongresanojn;
Parolado de S-ro Abato Ĉe, sendito de U. E. A.

**Dimanĉon, 31an de Majo.**

10a h. Ĝenerala kuniĝo Place de la Victoire;

10 ½a h. Oficiala akcepto de la kongresanoj en la Urbdomo;

11a h. Ĝenerala kunsido de Belga Ligo Esperantista en la konferenca salonego de la Popola Universitato «La Mutuelle», rue Tranchée, 50;

13a h. Ĝenerala fotografado en la Parko de l'Harmonie;

13 ½a h. Festeno en la koncerta ĉambrego de l'Emulation, Place du Martyr;

16 ½a h. Vizito de la Muzeo Renier, sub la sperta gvidado de S-ro Direktoro M. Pirenne (senpaga eniro por la kongresanoj);
Vizito de la urbo kaj de ĝiaj mirindaj bulvardoj;

20a h. Arta Vesperfesto en la koncerta ĉambrego de l'Emulation (senpaga eniro por la Kongresanoj);
Poste: intima dancado.

**Lundon, 1an de Junio.**

8 ¼a h. Ĝenerala kunveno Place du Martyr antaŭ la monumento Chapuis;

8 ½a h. Preciza foriro en aŭtomobilaj veturilegoj al la Gileppe tra la valo de la Vesdre, Dolhain - Limbourg kaj Béthana;

9a h. La Gileppe. Halto por admiri la imponan homan ĉefverkon kaj la mirindan pejzaĝon de la lago kaj de l'Hertogenwald;

9a h. 20 Foriro al Spa tra Jalhay, Surister, Royompré, Tiége (tre bela ardena vojiro);

10a h. Forlaso de la aŭtomobiloj en Balmoral;

10 ½a h. Alveno en Spa. Akcepto de la kongresanoj en la «Casino» de la Urbestraro, de Spa-Monopole kaj de la Direkcio de la Casino;
Lunĉo; Vizito de la ban-instalaĵoj kaj de la plej pitoreskaj lokoj de la mondurbeto; Disiĝo.

**Mardon, 2an de Junio.**

Por la restontaj kongresanoj estas organizata **ekskurso** al la plej allogaj regionoj de l'Ardenoj. Detaloj estos konigataj al la interesatoj dum la kongreso.

La Komitato rezervas al si eventualajn ŝanĝojn en la ĉi-supra programo.

---

**Tre grava Avizo:** Pro malmulteco da loĝejoj kaj la alfluo de fremduloj dum la Pentekostaj tagoj, estas tre urĝe rekomendata resendi **kiel eble plej frue** la ĉi-apudan aliĝilon, pagante **samtempe**, prefere al poŝtĉekkonto N° 1516.10 la necesan sumon.

---

# TAGORDO

**de la Ĝenerala Kunveno de «Belga Ligo Esperantista».**

1. Malferma parolado de la Prezidanto.
2. Jara raporto de la Ĝenerala Sekretario pri la Esperanta movado.
3. Raporto de la Kasisto pri la financa situacio.
4. Parolado de S-ro Abato Ĉe, la fama propagandisto.
5. Diversaj komunikaĵoj.



VERVIERS. — POSTOFICEJO.

# ANTAUPAROLO AL IU LERNOLIBRO.

La problemo pri internacia lingvo ne estas pure «lingvistika», sed ankaŭ, kaj, eble precipe, «socia». La perfekteco tie ĉi konsistas malpli en la lingvo mem,ol en la plena akordo de tiuj, kiuj ĝin uzas.

Krei universalan lingvon a priori, postulus unue — se tia kreado estas io alia ol simpla ludo — detalan, zorgan, precizegan klasifikadon de la homaj scioj, kies esprimilo estus tia lingvo. Sed tiu ĉi klasifikado malproksimiĝas des pli, ju plu vastiĝas la kampo de la scienco, ju pli multiĝas sur tiu ĉi kampo novaj vojoj, kiuj siavice disdivdiĝas en disvojoj, ĉu inter si paralelaj, ĉu interplektitaj.

Unu el la meritoj de D-ro Zamenhof estas, ke li tute alimaniere komprenis la problemon kaj ke ĝian solvon li serĉis a posteriori. Li ne kreis lingvon: li eltiris la elementojn de sia lingvo el la jam ekzistantaj lingvoj, kies sintezo ĝi estas. Se ni komparas la lingvoj kun fortoj, lia lingvo estas la «rezultanto» de tiuj ĉi fortoj.

Sed, kial li tiamaniere konsideris la demandon ? Tial ke, anstataŭ serĉi ian lingvon por la plezuro ĝin kombini pli malpli sukcese, li serĉis antaŭ

ĉio, super ĉio, aŭ pli ĝuste, li serĉis nur traduki senpere la ideojn, kiuj plenigis lian animon, tiel ke lin komprenu la plej eble granda nombro da homoj, liaj «fratoj». El la koro venas la altaj pensaĵoj. Tiujn ĉi grandanimajn pensaĵojn, tiun ĉi profundan amon al la homaro, tiun ĉi ardan deziron alproksimigi la regnon de la paco, ĉion tion ĉi li volis, per ĉiuj siaj fortoi, konigi, komuniki al ĉiuj, kiaj ajn estus iliaj diversaj lingvaĵoj. Por li la lingvo estas nur ilo; sed precize el tio konsistas la intima originaleco, la eksterordinara indeco de la lingvo, tiel ke — ilo forĝita por difinita celo: praktika utiligado — ĝi tuj kaj plene taŭgas. La perfekteco de kia ajn instrumento kuŝas ja en la perfekta adaptado al ĝia funkciado, kiun ĉiam celas la bona verkisto.

Komprenigi al multnombraj homoj tion, kio ŝprucis el lia koro, traduki ideojn, ne simple vortojn, jen la tasko, kiun prenis sur sin D-ro Zamenhof en la ĝojo kaj doloro de la kreado. Ĉar tiel li komprenis sian taskon, li povis nur forĵeti ĉian sistemon a priori, kiu malproksimigus lin de la celo; li plie — ne nur sperta gramatikisto kaj poligloto, sed «apostolo» — devis etrovi ion tute alian, ol simple lertan kombinaĵon de vortoj kaj de gramatikaj formuloj, ion tute alian, t. e. lingvon, ideon de ideo, posedantan propran ekziston, propran animon, vivantan lingvon. Jen, kvankam la lingvo estas rimarkinda laŭ aliaj ecoj, la vera fonto de ĝia tuta forto, jen kial kontraŭ ĉia alia sistemo ĝi konservis kaj konservas sian superecon.

Sed ĉu el la konstato de tiu ĉi fakto rezultas, ke, por la Esperantistoj, estas nepra devo akcepti de tiu, kiun ili nomas: «Majstro», ion alian ol la lingvon mem, kiun li donis al ili? Ne, tute ne! D-ro Zamenhof deklaris insiste, ke «Esperantistoj estas ĉiuj, kiuj scias kaj uzas la longvon Esperanto, tute egale, por kiaj celoj ili ĝin uzas». Se, laŭ deveno, Esperanto ne estis neŭtrala lingvo, t. e. lingvo indiferenta al ĉia ajn socia, politika aŭ religia koncepto, tia ĝi fariĝis fakte kaj laŭ la konsento mem de ĝia aŭtero. Eĉ, se la animo ŝanĝiĝus aŭ sanĝiĝis, tio nenion forprenis el la forto de la lingvo: la vivon ĝi konservas, kiun ĝi ricevis je sia naskiĝo.

Cetere laŭ alia vidpunkto ankaŭ Esperanto estas tre vivanta lingvo. Ĝi estas nun legata, skribata, eĉ parolata de multe pli da homoj, ol kelkaj aliaj vivantaj lingvoj aŭ dialektoj; ĉiuj, kiuj ĝin uzas, malgraŭ la diverseco de la naciaj lingvaĵoj, uzas ĝin same.

Oni riproĉis Esperanton, ke ĝi estas artefarita lingvo! Sed ĉiuj niaj civilizitaj lingvoj estas je tre alta punkto artefaritaj kaj fariĝas tiaj ĉiam pli kaj pli sub la potenca influo de la inteligenta volo. Inter Esperanto kaj la tiel nomitaj «naturaj» lingvoj la diferenco estas ne je naturo, sed nur je grado.

Esperanto estas komuna lingvo, kiel estas ĉiu literatura lingvo, pli ĝuste, la lingvo uzata de la kulturitaj klasoj interne de la landoj, kiuj uzas saman lingvon; sed Esperanto estas komuna inter popoloj, kies lingvoj estas tre diversaj. Tie kuŝas certe la sola vera danĝero por internacia lingvo kiu riskas, sub la nacilingvaj influoj, difektiĝi kaj dis-

fali en dialektojn. Sed, ĉar Esperanto estas lingvo precipe legata kaj skribata, lingvo por ĉiu la dua, sekve lernita, ne tre verŝajna estas la naskiĝo de dialektoj. Cetere la Esperantistoj antaŭvidis la danĝeron kaj ĝin kontraŭstaris per la kreado de Lingva Komitato kaj Akademio, kies ĉefa, se ne sola tasko estas: konservi la unuecon, komunecon, purecon de la lingvo, akceptante novan vorton, novan esprimmanieron nur, kiam, ne kontraŭfundamenta, ĝi estas jam internacie komprenata kaj sufiĉe ĝenerale uzata.

La Esperantistoj estas konvinkitaj, ke ili venkos ĉiujn mokojn de la nesciuloj kaj ĉiajn malfacilajojn, kiujn ili survoje renkontas. Ili posedas multajn gazetojn kaj revuojn; ili havas malantaŭ si jam tre riĉan, tre diversan literaturon, kiu tamen estas vere unu, dank' al la fideleco, kiun ili severe konservas al sia fundamenta libro, la «Fundamento«, kie D-ro Zamenhof, por tiel diri, koncentrigis sian lingvon: tradicion ili do havas. — Multaj internaciaj kongresoj pruvis plie la praktikan taŭgecon de ilia lingvo, kiel parolata lingvo, kiel oratora lingvo.

La Esperantistoj ne diskutas sian lingvon; ĝin ili uzas. Ili ne dubas, ke fine ĝi enpenetros en la ĝis nun plej malfavorajn mediojn, tial ke utila al ĉiuj, ĝi estas al neniu malutila. Respektante la naciajn lingvojn, kies purecon ĝi fakte ŝirmas, Esperanto ofendas neniun respektindan senton.

La firmeco de ilia konvinko, de ilia sintenado estas forto kaj garantio de l' fina sukeso.

TH. CART,
Profesoro ĉe la Alta Lernejo pri Politikaj Sciencoj.

VERVIERS.




MONUMENTO CHAPUIS

# BELGA LIGO ESPERANTISTA.

## PROJEKTO DE PROTOKOLO DE LA KOMITATA KUNVENO DE LA 29a DE MARTO 1925.

ĈEESTAS: S-roj Witteryck, Prezidanto; Cogen, Champy, Vicprezidantoj; Petiau, Ĝenerala Sekretario; Mathieux, Kasisto; Schoofs, Direktoro de B. E.; O. Van Schoor, Komitatano.

LA JENAJ GRUPOJ ESTAS REPREZENTATAJ: ANTVERPENO «Antverpena Grupo» (S-ro Champy); «Verda Stelo» (S-roj Boeren kaj Jaumotte); «Suda Lumo» (S-ro Jacobs); BRUĜO: «Bruĝa Grupo» (S-ro Poupeye); GENTO: «Genta Grupo» (S-ro Vandevelde); «La Progreso» (S-ro Cogen); LIERO (S-ro Leflot); MEĤLENO (S-ro Baesens); VERVIERS (S-roj Pirnay kaj Herion).

SENKULPIGIS SIN: S-ino Elworthy - Posenaer, Komitatanino; S-roj Oger (Lieĝo) kaj Varendonck (Ledeberg).

NE SENKULPIGIS SIN: la grupoj el Boom, Charleroi, Lokeren kaj Spa.

La Prezidanto klarigas la kialojn de la prokrasto en la apero de «Belga Esperantisto»: ŝanĝo de presisto. La afero tamen ricevis nun kontentigan solvon kaj baldaŭ ni rehavos nian nacian organon kiu, de ĉi tiu jaro, eliros dekfoje.

La Prezidanto, respondante al demando pri la aranĝo de la oficiala akcepto en la lastjara nacia kongreso, deklaras ke en tiu okazo la Ligestraro kaj organiza komitato sekvis la indikojn de la loka urbestraro.

La Kunveno esprimas siajn kondolencajn sentojn al S-ro L. Varendonck, Delegito, kiu perdis sian edzinon antaŭ kelkaj tagoj.

TAGORDO:

1. Nova grupo «Al Triumfo», el Sta-Nikolao, petis sian aliĝon al B. L. E.; ĉar neniu kontraŭstaras, la komitato decidas akcepti tiun grupon.

2. FINANCA SITUACIO DE LA LIGO. S-ro Mathieux faras mallongan raporton pri la nuna stato kaj precipe pri la pago de la kotizoj flanke de la grupoj.

Li prezentas la staton de la proporcia voĉdonrajto de ĉiu grupo.

3. KONSTANTA REPREZENTANTARO. — S-ro Schoofs, delegito de nia Ligo, resumas la agadon de tiu oficiala organizaĵo, kiu ĝis nun precipe sin okupis pri internaj aferoj, kiel ekzemple la financa. La nuna bazo de la kotizoj pagataj de la naciaj societoj estas 1/10 de la kotizo de

U. E. A. Por nia Ligo tio estas Fr. 1.— po membro, kondiĉo kiun ĝis nun ni ne kapablas plenumi. Nur dank'al la principe jam akceptita plialtigo ĝis Fr. 1.— de la kotizo de niaj membroj, ni povis cedi Fr. 0.50 kun proporcia voĉdonrajto.

La plej grava entrepreno de K. R. estis la Komerca Eksperimento. Pri la kunlaboro de niaj Ligaj grupoj en tiu eksperimento oni jam raportis en la nacia kroniko de «B. E.»

4. La kunveno formale aprobas la plialtigon de la Liga kotize je 1 franko por ĉiu grupa membro, (minimuma grupa kotizo Fr. 10.—) de kiu la duono iras al «K. R.»

5. S-roj Pirnay kaj Hérion donas klarigojn pri tre alloga programo de la proksima Belga kongreso en Verviers. Ĝi estas akceptata kun dankesprimo de la Prezidanto.

6. S-ro Jacobs, Antverpeno, klarigas sian proponon: «Estas nia devo helpi antaŭ ĉio al la sukcesigo de la kursoj pri Esperanto oficiale organizitaj de la komunumoj». Post longa kaj funda diskutado en kiu portaprenas precipe, krom la proponinto, S-roj Witteryck, Petiau, Jaumotte, Boeren, Vandevelde, Pirnay, Herion, k. c.; la Komitato, ĝojante pri la okazigo de oficialaj kursoj, opinias, ke estas tamen ne oportune forlasi la propagandajn kursojn organizitajn de la lokaj grupoj kaj decidas lasi al la grupoj plenan liberecon en sia propaganda agado.

7. ŜANĜO DE LA PROGRAMO DE LA EKZAMENOJ. — Post longa kaj iom konfuza diskutado estas decidite: 1e Ke la Ligo ne plu organizos ekzamenojn pri simpla kapableco. 2e Ke la ekzamenoj pri Profesora kapableco estos igitaj pli malfacilaj aldonante demandaron pri la historio de nia movado kaj pri respondoj al la ĉefaj kontraŭdiroj kontraŭ Esperanto kaj ĝia celo. La aranĝojn de la ekzamenoj oni lasas al la juĝantaro kiu konsideros, ke tiuj ekzamenoj ne estas konkusoj sed serioza ekzameno laŭ larĝ- homa vidpunkto pri la profesora kapableco de la kandidatoj.

8. Per sekreta voĉdono la ekzamena juĝantaro estas jene reelektita: Efektivaj membroj: F-ino Jennen, S-roj L. Cogen kaj C. Vandevelde. Anstataŭantoj: S-roj Henraut, O. Van Schoor kaj Parotte.

9. Estas reelektitaj la anoj de la Ligestraro: S-roj Witteryck, Prezidanto; Cogen kaj Champy, Vicprezidantoj; Petiau, Ĝenerala Sekretario kaj Mathieux, Kasisto.

10. DIVERSAJ KOMUNIKAJOJ. — a) La kunveno pritraktas la temon de Esperanto en la sfero de senfadena telefonio kaj precipe pri la batalo por kaj kontraŭ nia lingvo en la belgaj radiogazetoj. — Por bone ordigi la laboron en tiu speciala kampo la komitato petas, ke ĉiu, kiu sin interesas pri ĝi, rilatu kun S-ro C. Vandevelde, 230. Zwarteheistraat, Gendbrugge - Meirelbeke (Gent).

b) S-ro De Ketelaere atentigas la Ligestraron pri la malfacilajoj kiujn li renkontis en la kurso por komercistoj pro la konfuza uzo de

landnomoj precipe de la flanko de U.E.A. kaj petas, ĉu la Ligo ne povas kontraŭagi tiun sendisciplinan sintenadon kontraŭ niaj lingvaj institucioj.

La Prezidanto respondas, ke jam dufoje nia Ligo oficiale deklaris sian fidelecon al la Fundamentaj formoj «ujo» kaj «lando» kaj ke ĝi ne ŝanĝis sian opinion. S-roj Petiau kaj Schoofs, komitatano kaj Ĉefdelegito de U. E. A., diras, ke ili faris senĉese ĉion eblan por ke U. E. A. uzu la formojn rekomenditajn de niaj lingvaj institucioj. Ili promesas, ke ili denove atentigos la Komitaton kaj Centran Oficejon de U. E. A. pri la rimarko farita.

Le ĝenerala Sekretario:
Henri PETIAU.

---

# LA LUNO RAKONTAS...

Antaŭ multaj jarmiloj, la luno estis ĉiam plena. Ĉu vi scias kial, kaj, ĉu vi ankaŭ scias kial tio ŝanĝis? Nu aŭskultu:

Tio, kion ni nomas la lunon, estas nur parto de la ĉapo de l'«Dio de la Luno». Kaj tiu parto havas la formon de duona sfero, kiu brilas en orarĝenta lumo nur je la ekstera flanko.

La dio de la luno en tiuj malproksimaj tempoj interesis sin ege pri la homaj agadoj kaj ĉiam rigardis la teron... tiam la luno estis plena por la teranoj, kiuj vidis nek la ĉapon nek la mantelon de l'Dio: aŭ pli bone: de l'ĉapo ili vidis la lunon, de l'mantelo la brilantajn steletojn.

Kaj tio estas granda feliĉo; ĉar la dioj estas tiel brilaj kaj tiel radiaj, ke ni ne povas alrigardi ilin, se ni ne volus blindiĝi aŭ eĉ morti: tiel granda estas ilia brilo.

Tiam okazis la kutima kunveno de la Dioj; jen sidis la Suno kun la ĉarma Matenruĝo kaj malfacile komprenebla Tago, aliflanke la Krepusko, kaj la melankolie sidanta Nokto, (inter la du lastaj estis neokupita loko) aliflanke ankoraŭ la Tero kun ĝiaj kvar filoj, la Ventoj; kontraŭ ili la Maro meze de ĝiaj filinoj... ĉiuj atendante la Lunon.

Estis kutimo ke en ĉiu kunveno unu Dio aŭ unu Diino rakontis iun aventuron, kaj hodiaŭ estis la vico de l'Dio de la Luno.

Jen estas la rakontonto. Malrapide alvenis la Luno, faligis sin en seĝon, kovrante la vizaĝon per basko de sia mantelo. La Nokto forigis tiun kaj flustris: «La Dioj atendas vian rakonton».

Per forta skuo la fiera Dio levis la belan vizaĝon kaj komencis:

Malgaja estos la rakonto, malgaja kiel mi mem.

Vi ĉiuj, estimataj gedioj, scias, ke mi ĉiam interesiĝis pri teraj okazintaĵoj... jen la kaŭzo de mia hodiaŭa doloro.

Iam vidis mi fieran kavaliron kun brilanta armaĵo, kiu vigle rajdis renkonte al ĉarmulino blankvestita, atendanta malkviete!

Tiam, kiam mi ŝin vidis, estis la unua fojo ke mi bedaŭris, esti nur Dio!»

Granda tumulto!

«Mia filo!» ekkriis kolere la Suno, «mia filo, vi estas senhontulo, vi insultas nin! Ĉu mi tial punis vin! Atentu, aŭ mi rakontos ĉion».

«Tion faros mi, mi mem!» diris la Luno.

Kaj la Tero, ĝia patrino, ame rigardis la kuraĝan filon, kiu tiel bela estas, kaj fiera estis ŝi, kiam ŝi vidis la dezirantajn rigardojn de ĉiuj junaj diinoj al la Luno. Tiu ĉi daŭrigis:

«Kiam ŝi aŭdis la piedobatadon de lia ĉevalo kaj la tintadon de liaj bataliloj, ama rideto lumigis ŝian vizaĝon. La sekvantan momenton li estis apud ŝi, kaj dolĉajn horojn pasigis ili, duope amindumante, en la arĝenta lumo de mia ĉapo.

Nur kiam mia patro leviĝis, ili disiris promesante unu al alia baldaŭan revenon kaj dum longa tempo, mi pasigis agrablajn noktojn observante la geamantojn.

Tiam venis granda milito ; la malfeliĉa kavaliro devis forlasi sian bienon, sian landon kaj plej grave ankaŭ ŝin.

Mi vidis la adiaŭon, la terure malĝojan foriron... De mia alta loko mi povis sekvi ilin, ambaŭ.

Ŝi, plorante, deziregante al sia kavaliro,rigardis el la fenestro,ĉu li ne ankoraŭ revenis, aŭskultis ĉiam, ĉu ne ankoraŭ resonis la bone konata sono de lia korno. Ŝi atendis, atendis...

Mi vidis lin en la batalkampo, ĉiam la unua, ĉiam la venkanto, postrajdante la forkurantojn... veran heroon! Sed dum la noktoj, li melankolie sidis en la tendaro kaj pensis pri ŝi, pri tio, kion ŝi nun farus... kaj tute malĝojis...

Tiam mi volis prihelpi!

Mi unue decidis porti ŝin apud li en la batalejo, sed mi tiel amis ŝin, ke mi timis la danĝerojn de l'milito por ŝi. Poste mi volis porti lin apud ŝi, sed tiam la kunmilitantoj certe pensus ke li, la granda heroo, forkuris kiel timulo. Tiam mi almenaŭ volis konsoli ŝin, kaj decidis preni ŝin kun mi, tre alte, por ke ŝi vidu sian amaton.

Tial mi saltis sur mian ĉevalon kaj rajdis al mia patrino, la tero, sed mi devas senkulpigi min, o panjo, ke mi ne atentis vin, mi nur rigardis ŝin, la homan belulinon.

Kaj kiam la ĉarma sinjorino aperis, mi renkonte-rajdis,sed ŝajnis ke mia aspekto timigis ŝin, ŝi paliĝis, preskaŭ svenis, forkuris, ne aŭskultante miajn bonvolajn parolojn, mi sekvis ŝin... tuj ŝi falis teren, senmova!

Mi genufleksis apud ŝi. Mortinta! Mia alproksimiĝo mortigis ŝin: la dia brilado mortigas la homojn.

Tiam mi malĝojegis; suferante terurajn dolorojn mi foriris, kaj kaŝante mian kapon en mia mantelo mi ne plu priokupis min dum longa tempo pri teraj agadoj; mi turnis la dorson al la tero; mi nur aŭdis ke, feliĉe por li, ankaŭ la kavaliro mortis, sensufere... Li neniam sciis la morton de ŝi!

Kaj restante la dorson al la tero, mi malebligis al la teranoj vidi la lumon de mia ĉapo, ĉar nur la antaŭa flanko radias.

Tion vidis mia patro, kaj punante min li ordonis al mi ree lumi. Grava abomena puno! Nun mi devis rerigardi la bone konatajn lokojn kie okazis la tuta dramo.

Mi obeis, sed en la komenco, mia doloro estis tiel granda ke mi post kelkaj tagoj, ĉiam malrapide turnis la dorson al la Tero; ... sed ankaŭ ĉiam, pri timo de la patra ordono, mi returnis kaj vidis al ŝia kastelo...

Kiam mia doloro malpliiĝis, post kiam mi konsoliĝis kaj volis rekomenci mian intereson pri la homaj agadoj, mi rimarkis ke la homoj kutimis al mia turnado kaj dividis laŭ ĝi la tempon.

Tial por rebonigi iom la malfeliĉon kiun mi kaŭzis al la homoj, mi daŭrigis mian turnadon por ne konfuzigi iliajn kalkulojn.

Kaj jen mia rakonto!»

Ĉiuj la dioj, krom la severa patro, tondre aplaŭdis la belan rakonton. Kaj vi?

W. DE SCHUTTER.

# PLEZURA NOKTO.

(la DAŬRIGO).

«Bonan vesperon, paĉjo! Bonan vesperon,panjo!» ekkrias Kristiano kaj Benjo enirantaj kun vangoj ruĝaj kiel pomoj.

«Mi dankas Dion, ke vi estas hejme, miaj infanoj! Ĉu la strato ne estis dezerta?! demandas la sinjorino, kiu dume estas leviĝinta kaj pretiĝas por tranĉi buterpanojn.

«Ho ne, panjo!» respondas Kristiano, «Estas tre homhava vojo».

«Ĉu la teatraĵo estis bela?» oscedante demandas Bovendam; — la bona viro komencas esti dormema...

«Ho belega, paĉjo!» ravite ekkrias, kaj, elprenante la programon el la poŝo, ŝi daŭrigas: «Ili ĉiuj brile ludis, precipe tiu Jack Sheppard, — ĉu ne, Kristiano? tiu estro de la ŝtelistoj. Ho! kiom bonege li ludis! Kaj ankaŭ tiu poŝoŝtelisto, — li estis tiel falsa...

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

«He! Kio...?» subite demandas la sinjorino timigite, kaj montrante en la direkto de la pordo per la buterkovrita tranĉilo.

«Ĉu mi povas iri al mia lito?» eksonas el la buŝo de Manjo, kaj ŝia kufo videbliĝas malantaŭ la pordo.

«Kiom stranga estas tiu servistino hodiaŭ vespere; ŝi min ĉiumomente ektimigas», mallaŭte diras patrino Bovendam, kaj pli laŭte: «Faru tion, se vi volas, Manjo».

«Bone, sinjorino. Bonan nokton, sinjoroj; bonan nokton, sinjorino, fraŭlino! Dormu bone». — Manjo malaperas.

«Estis vere ŝtelista teatraĵo, panjo! Tiu Jack Sheppard havis belegan rolon; — mi tuj rakontos la tutan teatraĵon al vi», diras Benjo kun brilantaj okuloj.

«Benjo! Benjo! vi estas terure ekscitita, vere tro»; kaj turnante sin al sia edzo, la sinjorino daŭrigas:

«Ĉu vi povas kompreni, ke oni en tia tempo reprezentas tiajn teatrajojn?»

«Pa! kial ne?« dormeme respondas la edzo; «estas interesaga teatrajo!»

«Ho, panjo, tiel interesega! Oni kelkfoje tremegis pro timo!» Kaj dum Benjo manĝas buterpanon kaj trinkas tason da teo, ŝi ekscitite kaj entuziasme rakontas pri «Jack Sheppard, aŭ la Kavaliroj de la Nebulo».

Ŝia patrino aŭskultas kun timigita mieno. Kristiano kompletigas la rakonton de lia fratino, kaj sinjoro Bovendam ekdormetas sur lia seĝo, ĝis lia edzino diras: «Bovendam!»

«Hej! kio okazas?»

«Nu! legu vi denove tiun komunikon pri tiu domŝtelo: Estas necese, ke la infanoj ankaŭ tion aŭdu».

«Ili ĝin mem legu», estas la oscede donita respondo.

Kristiano prenas la ĵurnalon kaj regalas sian patrinon per tria legado de la artikolo.

Fine, je ĉies timo, la horloĝo batas la unuan horon. Bovendam subite salte ekleviĝas kaj diras:

«Rapidu, al la lito!»

La sinjorino kaj Benjo demetas ĉion de la tablo kaj ordigas la teilaron.

Paĉjo ankoraŭ unufoje eniras la koridoron, palpas la antaŭpordon por kontroli, ĉu ĝi taŭge estas ŝlosita, eniras la kuirejon por ekzameni la ĝardenpordeton, kaj, trovante ĉion en bona ordo, li revenas, eklumigas la sur la tablo starantan kandelon, estingas la lampon, kaj, sekvata de edzino kaj gefiloj, li sin direktas al sia dormoĉambro.

Kristiano kaj Benjo iras al siaj ĉambroj kaj baldaŭ ĉio ripozas en la domo de Bovendam.

---

Benjo estas ekbruliginta sian kandelon per tiu de sia patro kaj, sidante ĉe ĝia lumo, ŝi estas releganta la programon de «Jack Sheppard».

«Ho, estis ja belega teatrajo», ŝi pensas, kaj eta tremo trairas sian korpon, kiam ŝi rememoras la ŝtelistajn vizaĝaĉojn, kiujn ŝi estas vidinta.

«Kaj kia interesega homo tiu Jack Sheppart estis! Tian ŝteliston mi kapablus ami; li estas idealo!» — Ŝi leviĝas kaj ĉiam pensema, ŝi senvestigas sin kaj sin kovras per sia virga noktorobo.

Antaŭ ol kuŝiĝi, ŝi malfermas sian ŝranketon, elprenas libron el ĝi, kaj rigardas la kandelon; ĝi estas ankoraŭ sufiĉe longa kaj certe brulos duonhoron. Sidante sur la lito, ŝi trafoliumas la malpermesitan libron. Ho ve! se la patrino scius, ke ŝi legas en «Rinaldo Rinaldini», tiam ŝi estus en danĝero de punbatoj! Sed kiel oni povus lasi tiun libron, dum oni tiom multe aŭdas pri rabistoj? Kaj ĝi estas tiel bela! Ankaŭ ŝi

devas redoni ĝin baldaŭ, ĉar ŝia amikino Ludovikino estas pruntepreninta ĝin por ŝi de alia konatulineto.

Ŝi legas. Ŝiaj vangoj estas varmaj, kvankam estas sufiĉe freŝe en la ĉambro. Ŝiaj manoj tremas kaj la kandellumo movbriletas en ŝiaj lumetantaj okuloj. De tempo al tempo ŝi penas por reteni febran ektremon.

Rinaldo, la granda risto, kaptas kvazaŭ per sorĉa potenco ŝian junan animon.

Subite ŝi ekfermas la libron, — io bruetas; eble malsata muso malantaŭ la tapeto, sed eĉ tiu mallaŭta bruetado sufiĉas por ekterurigi ŝin.

Nerve tremante ŝi rekaŝas la libron en la ŝranketon. Ŝi prenas la kandelon, por estingi ĝin, sed ekhaltas subite kun pinĉitaj lipoj; la lumo tremegas en ŝia mano, kaj ŝiaj okuloj fikse rigardas la liton.

«Ho ĉielo!» ŝi neaŭdeble diras, «kio estas tio?» kaj nevole ŝi levas la kandelon pli alten, tiamaniere, ke la lumo oblikve falas sub la liton.

La kandelingo preskaŭ glitas el ŝia mano, ŝi staras unumomente hezite, aŭskultas kun batantaj koro kaj tempioj kaj malrapide faras paŝon malantaŭen.

Morte pala ŝi staras kaj rigardadas du virpiedojn, kiuj eliĝas el sub la lito. — Dio! tiuj piedoj moviĝas! — Ne! estas nur imago! Ne, tamen: unu sin etendas. Aŭ ĉu estas flagranta kandellumo, kiu ŝajne ilin movigas?

«Kion mi devas fari? — Se mi krias mi estas perdita», ŝi pensas, kaj, per ekstrema energio, ŝi interfermas la dentojn, prenas la kandelon, kaj, malantaŭeniras al la pordo.

Le nefirma lumo denove falas sur la piedojn. Ne, sed nun ili certe estas movintaj; — unu estas retirita!

Ŝi atingas la pordon, subite ekmalfermas ĝin kaj feliĉe staras vivanta en la koridoro. Ŝia lumo estas estingita per la tuja aerfluo, sed ŝi sufiĉe memregas sin por, en la mallumo, palpi ĉu la ŝlosilo estas en la seruro. Feliĉe! jen ĝi estas! Ĝin turni nur daŭras unu momenteton; spasme ŝi premas ĝin en la mano, kiun ŝi metas sur la bruston, kaj, palpante la muron ŝi malsupreniras la ŝtuparon, al la ĉambro de la gepatroj.

Malforta lumstrio sub la pordo, la lumo de noktlampeto, kiu brulas en la ĉambro, montras al ŝi, kien ŝi devas iri.

Tremeganta, — ŝi kvazaŭ svenas — ŝi malfermas la pordon, kaj neaŭdeble marŝetas sur la tapiŝo, ĝis la geedza lito.

«Patro!» ŝi vokas per sufoka voĉo.

Bovendam ne aŭdas; li jam kviete dormas, kaj ronkas kiel motoro.

«Paĉjo! Panjo!» ŝi ripetas ankoraŭ pli time. Ŝi alkroĉas sin al la lito, por ne sveni. «Vekiĝu, paĉjo! Vekiĝu! Estas danĝero!...» Ŝi tuŝas la noktokufon de Bovendam.

Grunto estas la sola respondo.

«Panjo! Panjo!» ŝi vokas iom pli laŭte, «vekiĝu, vekiĝu, — tuj!»

La patrina orelo pli frue auskultas la voĉon de la ŝango. La sinjorino vekiĝas kaj mirege rigardas sian filinon.

«Silentu! ne kriu, panjo! Estas viro en la domo!»

«Ho Dio! ĉu vi nun vidas?» Tremante la malfaliĉa virino sin turnas al sia flanke de si ronkanta edzo, kaj diras en lian orelon:.

«Bovendam! Je l'nomo de Dio, vekiĝu! Estas ŝtelistoj en la domo!»

«Hej! kion vi diras?» li subite laŭte krias, vekiĝante.

Kiel per komuna inspiro, la sinjorino kaj Benjo subite metas siajn manojn sur la buŝon de Bovendam.

«Mhuh! Mhuh!» La bona viro eligas malprecizan sonon kaj perforte forigas la du manojn de sia buŝo, dum li malbonhumore demandas:

«Kial vi puŝas vinajn fingrojn en mian buŝon? Phu! Kion signifas tio?»

«Ssst! ne kriu tiel, paĉjo!»

«Ĉielo! Benjo! kion vi faras ĉi tie? Kio okazas? Ĉu vi malsanas?»

«Estas ŝtelistoj en la domo!» eksiblas la sinjorino en lian orelon.

«Ŝte - lis - toj?» tremante rediras Bovendam malrapidege. «Ho Dio! Ŝtelistoj! — Jen la afero jam komenciĝas! Ĉu vi nun vidas, Elinjo, ke estus estinte pli saĝe, se ni estus restintaj en Alfen? Kia stultulo mi estis, konsentante je via ĉikanado! — kaj...»

«Sed, Bovendam!...»

«Sed, paĉjo...»

«Pro Dio, karulo! ne malpaciĝu en tia momento!»

«Mi ne malpaciĝas!»

«Certe vi.»

«Nu, bone, mi malpaciĝas! sed mi diras al vi, ke...»

«Sed, paĉjo, ne koleru! Ni prefere priparolu, kio estas farota».

«Ni prefere lasu ilin fari malsupre; la monŝranko estas tie ĉi, kaj...»

«Sed, paĉjo!»

«Oni ne scias, kion intencas tiaj friponoj; ili havas armilojn, kaj timigitaj, — se ili min vidus, — ili...»

«Sed, paĉjo! Mi enfermis lin!»

«Vi? — Kie?»

«En mia ĉambro!»

«Kie vi kaptis tiun ideon, infano?» demandas la sinjorino, dum ŝi penas por ellitiĝi, ĉar la edzo baras la vojon al ŝi.

«Li estas en mia ĉambro,» ripetas Benjo kaj, dum ŝi triumfe suprenlevas la ŝlosilon, ŝi aldonas:

«Sub mia lito».

«Ĉu la pordo estas bone ŝlosita? Ĉu li ne povas eliri?»

«Ne, paĉjo! Huh, mi ankoraŭ tremas», kaj rapide Benjo rakontas sian aventuron.

La kufo de Bovendam admire skuiĝas, kiam li diras: «Benjo, vi estas lertulino!»

La sinjorino staras nudpiede kaj timtremas, ĉar ĉiuj la veraj kaj neveraj rabistaj rakontoj, kiujn ŝi konas, pasas antaŭ ŝia spirito.

«Benjo!»

«Paĉjo!»

«Turnu vin, mi ellitiĝos».

Obeeme la fraŭlino sin turnas, kaj la patro rapide sin vestas per ĉambrovesto kaj metas pantoflojn.

«Kion vi estas faronta, Petro?» demandas la sinjorino.

«Mi vekigos Kristianon; li devas serĉi policiston.»

«Bona Dio! Nun? Post noktmezo? Sed la knabo havas teruran malvarmumon!»

Bovendam ne plu aŭskultas; li jam estas en la alia ĉambro, kie la plej aĝa filo dormas kun du malpli grandaj knaboj de sep kaj dek jaroj.

Kristiano estas vekigata kaj estas komisiata kiel eble plej rapide serĉi policiston.

La junulo estas preta post momento kaj, forlasante la ĉambron, li premas malnovan kupran pistolon en la manon de sia patro.

(Daŭrigota.)

---

# BELGA KRONIKO

---

ANTVERPENO. — «Verda Stelo». — La 2an de marto tiu Komitato reelektis sian estraron, kiu konsistas el S-roj Schoofs, Prezidanto; De Ketelaere, Vicprezidanto; Boeren, Sekretario; De Coster, Kasisto kaj De Schutter, Librotenisto.

La komitato decidis, ke la grupo eldonos flandra-lingvan propagandan gramatiketon (traduko de franca «Premier Manuel»).

En la sama kunsido la gvidantoj de la festa sekcio raportis pri profito klun alportis la du dancfestoj de februaro.

Ĉiusabate la membroj kunvenis en la klubejo, ke ili pasigis la vesperojn tre agrable per legado kaj ludado.

La 29an de marto okazis la Komitata kunveno de B. L. E. en Bruselo. Kiel delegitoj de la «Verda Stelo» ĉeestis ĝin S-roj Boeren kaj Jaumotte, kiuj raportis la 30an pri tiu kunveno.

«Antverpena Polica Grupo Esperantista». — Je la 20a kaj 21a de Aprilo komenciĝis du kursoj por Antverpenaj policistoj, en la urba polica lernejo, Gildenkamersstraat. Definitive enskribis sin por la kursoj 70 policistoj, inter kiuj multaj oficiroj. La kursoj, kiujn gvidas nia samideano Fr. Schoofs, okazas po unufoje en ĉiu semajno, lunde kaj marde, de la 20 h. 30 ĝis la 22a horo.

BRUĜO. — La 19an de marto, la «Bruĝa Grupo Esperantista» organizis intiman festeton en la festhalo de «Hotel du Cornet d'Or», sidejo de la grupo. Ĝi bonege sukcesis dank'al la bonvola kunhelpo kaj al la talento de S-inoj Dervaux kaj Mac Leod, de F-inoj Andrée Algraix, Ali-

ce Boereboom, Maria Bulcke, Maria Dosselaere, Henriette Ronse kaj Alice Victoor ; de S-roj René Delannoy, Gustave Dosselaere, Auguste Haelewijn, Charles Poupeye kaj Gregoire Van den Abeele.

Oni kore aplaŭdis la novajn kaj malnovajn gelernantojn de S-ro Dervaux, pri kiuj li povas fieri! Inter la du partoj de la programo ĉarma surprizo ĉarmis la ĉeestantaron: S-ino Mac Leod, brita esperantistino loĝante nuntempe en Bruĝo,donacis al la Societo belegan flagon el silko. En la nomo de la Bruĝa Grupo, la Prezidantino, F-ino Thooris, kortuŝita, esprimis al la malavara Samideanino, sian ĝojon kaj dankemon, proponis ke S-ino Mac Leod estu tuj elektata honora membrino de la grupo kaj enmanigis la novan flagon al la sindona flagportisto, S-ro Charles Poupeye. S-ro A. J. Witteryck kiel Prezidanto de «Belga Ligo Esperantista» kaj kiel Honora Prezidanto de «Bruĝa Grupo Esperantista» gratulis la artist-amatorojn, dankis ĉiujn, nome S-ron Verbeke kaj tutspeciale S-inon Mac Leod; li vivege instigis la gesamideanojn daŭrigi la propagandon kun tiel efika nova helpilo! Granda entusiasmo regis ĝis la fino de la festeto: bonhumoro, gajeco kaj dankemo plenigis ĉies koron.

---

**Pro manko de loko ni devas prokrasti la publikigon de nia kroniko «Belga Gazetaro».**

---

# BELGA FESTORGANIZA KLUBO.

## FUNDAMENTA REGULARO.

Al. 1. Sub la titolo «Belga Festorganiza Klubo» estas kreita societo kun la celo prepari la vesperfestojn de la ĉiujaraj kongresoj de la Belgaj Esperantistoj.

Al. 2. Povas membriĝi ĉiuj geesperantistoj, éefe la Belgaj, kiuj praktikas kiun ajn arton aŭ kiuj emas helpi kiel ajn al la organizo de tiuj festoj, ekzemple tradukante verkojn literaturajn aŭ muzikajn.

Al. 3. Neniu kotizaĵo estas pagota: la malgrandaj elspezoj devenantaj de la interkorespondado, de la aĉeto de ia libro aŭ de ia alia objekto, k. c., ĝin anstataŭas.

Al. 4. La kluba jaro komenciĝas post la fino de ĉiu belga kongreso.

Al. 5. La klubo estas estrata de tri komitatanoj kiuj indikos inter si unu klubestron (funkciantan samtempe kiel sekretario-arhivisto-bibliotekisto) kiu zorgas pri la agado de la klubo. La klubestro kaj la komitatanoj konservas sian oficon dum ne difinita tempo.

La tri komitatanoj estas elektitaj per absoluta plimulto (duono + unu) de la voĉoj de ĉiuj klubanoj, laŭ listo de kandidatoj prezentita al, aŭ proponita de la klubestro (aŭ de la plej diligenta klubano se ne estas klubestro), kiu organizos la voĉdonadon praktike kaj lojale kaj konigos la rezultaton.

Al. 6. La klubestro korespondas kun la gemembroj ĉu letere, ĉu cir-

kulere, ĉu per «rondirantaj leteroj», ĉu alimaniere. Interkonsente kun la gekomitatanoj li kunvokos la geklubanojn en difinitan lokon ĉu por priparoli la organizotajn festojn, ĉu por fari ripetadojn, ĉu por ia alia celo.

Ĉiujare, dum la belga kongreso, la klubestro mallonge raportos pri la dumjara agado de la klubo.

Al. 7. Ĉio nepritraktita en ĉi-tiu fundamenta Regularo estas pridecidota kiu rajtas preni la konsilon de la geklubanoj.

Ĉiu propono, ĉu komitata, ĉu ĝenerala, estas akceptota per absoluta plimulto (duono + unu) de la ĝustatempe ricevitaj voĉoj, aŭ, se oni balotas dum kunveno, per la absoluta plimulto de la ĉeestantaj voĉdonantoj.

Al. 8. Ĉiu membro ricevos ekzempleron de ĉi-tiu regularo kaj de la ŝanĝoj eventuale farotaj al ĝi.

---

# NI GRATULAS.

---

Gesinjorojn A. VAN HAUTE-BERTIN, membroj de grupo «Progreso», Gento, pro naskiĝo de filineto, nomita Yvonne.

S-ron D-ron R. ANDRIES, vic-prezidanto de la Mehlena Grupo Esperantista, kiu estas nomita Kavaliro de la Ordeno de Leopoldo IIa.

---

# NEKROLOGO.

---

Sinjorino FELICIDAD ZAMORA DE GARCIA, la ĉarma samideanino el Manila (Filipinaj Insuloj), kiu vizitis nian landon en la pasinta somero, subite mortis en Barcelono, la 12an de Februaro 1925. Al ŝia funebrantaj edzo kaj infanoj, al ŝia fratino Maria Zamora, nia samideanino, kaj al ŝiaj aliaj familianoj, ni prezentas la kondolencon de ĉiuj Belgaj Esperantistoj, kiuj havis la grandan ĝojon konatiĝi kun S-ino Zamora de Garcia dum ŝia vojaĝo tra Belgujo.

Sinjorino JULIETTE LEOPOLDINE MARIE WAEGENAERE, edzino de S-ro Leons VARENDONCK, Prezidanto de la grupo «Tagiĝo» el Gentbrugge, mortis la 22an de Marto. Al nia bona samideano iru la esprimon de nia plej kora simpatio kaj de nia plej sincera partopreno en la doloriga sortobato, kiu lin tiel kruele trafas.

---

## RAPIDECO EN MAŜINSKRIBADO.

La Internacia Labora Oficejo ĵus eldonis, en la serio «Etudes et Documents» (Studies and Reports) studon de Sro J. M. Lahy, Estro de la Laboratorio de Eksperimenta Psikologio en la Lernejo de Altaj Studoj (Ecole des Hautes Etudes) en Paris, sub la titolo: «La Profession de dactylographe. Etudes des gestes de la frappe (Motion Study in Typewriting).

La celo de la studo estas, trovi per scienca esplorado la plej bonajn metodojn de maŝinskribado. Per serio de eksperimentoj, faritaj de 1912 al 1914, kaj kontrolitaj per novaj eksperimentoj post la milito, S-ro Lahy esploris detale la meĥanikon de la frapado kaj li esperas atingi vere sciencajn rezultatojn per tiu studo. Li tiras el siaj eksperimentoj multajn konkludojn pri instruado, kiuj devas esti utilaj, ne nur pri la elekto kaj edukado de maŝinskribistoj, sed ankaŭ pri la konstruo de scienca klavaro.

La esploroj de Sro Lahy povas tamen posedi valoron, ne nur por la profesio de maŝinskribrsto, sed por ĉiuj profesioj, ĉar la verkisto celas trovi «metodon por la studo de profesiaj problemoj» ĝenerale. La verko estas fakte ekzemplo de la apliko de la psikofiziologio al la servo de industrio.

## DIVERSAJ INFORMOJ.

**Tutmonda Esperanto-Asocio Junulara** (oficiala organo: «Esperantista Junularo»). — La jara kotizo por belgaj membroj estas nun Fr. 4.— kun abono al la revuo, speciale redaktita por gejunuloj. Por pliaj informoj oni sin turnu al S-ro Willy De Schutter, ĉefdelegito por Belgujo, Touwstraat, 30, Antverpeno. (Poŝtĉeko No 149.508).

**Fluganta Skribilo**, gazeto eldonata en Esperanto, en esperanta stenografo kaj en franca stenografo (sistemo Duployé), organizas Internacian konkurson de Esperanta stenografo.

La regularo de tiu konkurso, kiu konsistos el 6 sekcioj: Stenografa belskribarto, flua stenografado, uzoj de l'stenografo por Esperanto, kartografio, stenografaj ellaboraĵoj (desegnaĵoj, projektoj por atestoj, k. t. p.). Malgrandega stenografskribado, estas publikigota en la venonta numero de **Fluganta Skribilo**.

Ĉar estas presota tre malmulte da tiu regularo,ni instigas niajn gelegantojn, kiuj konas la stenografon, aŭ deziras ĝin lerni, peti tiun numeron tute senprokraste. Ĝi estos sendata senpage al ĉiu persono, kiu ĝin mendos en Esperanto al S-ro P. Flageul, 8 Bd. Voltaire, Issy, Seine, Franclando.

# BIBLIOGRAFIO.

ESPERANTA BIBLIOTEKO INTERNACIA. Eldonaĵo de Esperanto Verlag Ellersiek und Borel, 1924, Berlin, 9,5 x 14 cm. Prezo por unu libreto G. Mk. 0.30, krom la duobla n° 10-11, kies prezo estas sv. fr. 0.50. Tiu kolekto enhavas plej ofte represaĵojn de jam konataj verkoj: estas necese diri nur unufoje, ke la tradukoj estas la plej bonaj, tio estas certigita nekontraŭstareble de la nomoj de la tradukintoj: unuvorte, estas klasika kolekto. Ni ricevis:

N° 3. BONA SINJORINO, de Elisa Orzeszko, el pola lingvo esperantigita de Kabe (1909). Dua eldono (5a-12a miloj), 56-paĝa. Iom malgaja rakonto pri infana vivo, tiel bone verkita, tiel lerte tradukita ke la legaĵo estas interesplena.

N° 4. RUSAJ RAKONTOJ, Fabeloj al Helenjo, de Masin Sibirĵak, tradukis N. Kabanov (1909). Tria eldono (8a-15a miloj), 47-paĝa. Fabeloj por la infanoj, ankaŭ taŭgaj por plenaĝuloj...

N° 5. DON KIĤOTO DE LA MANĈO EN BARCELONO, de Cervantes, 5 ĉapitrojn tradukis F. Pujula y Vallès (1909). Dua eldono (4a-8a miloj), 56 paĝoj. La originala ĉefverko estas konata en ĉiuj landoj; la tradukinto tre bone sukcesis en sia entrepreno.

N° 6. EN LA BIBLIO, elektitaj ĉapitroj, tradukis el hebrea lingvo Dro L. L. ZAMENHOF. 3a eldono (7a-12a miloj), 48 paĝoj. Tiu-ĉi libreto enhavas nur parton de la plena traduko, kiu aperis en la gazeto «La Revuo» dum jaro 1908a. Ĉiu esperantisto devas posedi ĝin, kiel ekzemplo kaj memoraĵo de la stilo de la Majstro.

N° 10-11. JAPANAJ RAKONTOJ, kunmetis Ĉif Tosio (1909). Tria eldono (7a-10a miloj) 70-paĝa. Sep interesplenaj rakontoj, tradukitaj de diversaj personoj. Plej bona laŭdo de la plenumita tasko estas ke ĉiuj rakontoj ŝajnas esperantigitaj de la sama aŭtoro.

N° 20. LA LASTA USONANO, Fragmento de la Taglibro de Kan-Li, de J. A. Mitchell, tradukis Lehmann Wendel (1910) Dua eldono (4a-8a miloj) 48-paĝa. Sprita malkovro de malproksima estonteco, kiu permesas al la aŭtoro iomete ŝerĉi pri la nuntempaj loĝantoj de sia lando.

N° 22. NORD-GERMANAJ RAKONTOJ, de Heinrich Bandlow, tradukis Ella Scheerpeltz (1911). Dua eldono (4a-8a miloj), 48-paĝa. 5 rakontoj lerte esperantigitaj el la platgermana originalo en la idiomo de provinco Pommern.

N° 26. LA INTERVIDIĜO kaj NEKONATA DIALOGO, de Alfred de Vigny, el franca lingvo tradukis Sam Meyer. Dua Eldono (4a-8a miloj). 35-paĝa. Rekomendita de Esperantista Literatura Asocio. Du pecoj, la unua eltirita de la historia romano «Cinq-Mars», la alia interparolo de Napoleono Ia kun la Papo Pio VIIa (1804).

N° 28. ELZASAJ LEGENDOJ, tradukis Charlotte Pulvers, (1911), 2a eldono (4a-8a miloj), 47-paĝa. Kolekto de dek interesplenaj legendoj.

N° 33. — LA REGADO DE SI-MEM PER KONSCIA AUTOSUGESTO, de E. Coué, esperantigis el franca lingvo J. Borel. Unua eldono, 56-paĝa. Elmontro de influo de la volo por kuraco de malsanoj, kaj bona prezentado de la metodo por eduko de la volo. Esperantistoj devas nepre legi tiun verkon, eĉ se ili ne estas malsanaj: tie ili trovos rimedojn por sugesti al siaj konatuloj, ke Esperanto fine venkos!

SPLIT, MARBANEJO KAJ KLIMATA SANIGEJO, malfaldebla folio, eldonita okaze de IIa sudslava esperantista kongreso en Split (23-25 VIII 1924); 12-paĝa 12 x 19.5. Prezo nemontrita. Prospekto ilustrita, bone redaktita, kun ĉiuj sciigoj necesaj por agrabla ĉeesto en tiu urbeto. Ĉar la presisto ne havis supersignitajn prestipojn, li anstataŭis ilin per aldono de la litero h. Se la legaĵo ne estas samaspekta, ĝi tamen estas legebla, kaj tia uzo montras denove, ke la manko de taŭgaj tipoj ne estas malhelpo por okaza eldono de Esperantoj verkoj.

NOVA SATANO, de Mazumi Huĝii, tradukita de Iĉicero Sakrada, librejo Konijo, Kioto, 1924. 27-paĝa, 13 x 19 cm, prezo S. M. 30. — Tiu libreto estas la unua de «Serio Infinita», kiun la japanaj samideanoj intencas eldoni ĉiumonate, dediĉante ĝin al la tuta homaro. La unuakta drameto donas al ni ideon pri la moroj de malproksimorientaj popoloj, kaj sekve estas tre interesa. La traduko estas bona, sed, eble ĉar la presistoj ne ankoraŭ kutimiĝis kun la eŭropa skribaĵo, estas kelkaj preseraroj, kiuj cetere ne malhelpas la legadon.

INTERNACIA KOMERCA ADRESARO «PER ESPERANTO», komisiita de la Asocio por komerco kaj helplingvo tutmondaj en Vieno. Kolektita kaj eldonita de Rudolf Hoschek. 184 paĝoj, 12 x 19.5 cm. Prezo sv. fr. 2.50. — Jen tre grava laboro por praktika disvastiĝo de la lingvo! Ĉar oni scias ke, eĉ en naciaj lingvoj, adresaroj estas malfacile realigeblaj, oni ne miros legante la antaŭparolon de la eldonistoj, kun la klarigoj pri la malgranda amplekso de tiu tamen utilega libro. Ĝi estas ja la unua paŝo, kaj, sen ia dubo, la afero prosperos per la bonvola helpo de ĉiuj interesuloj: ni do diru, kun la aŭtoroj: «Antaŭen, komercistaj esperantistoj!»

La libro enhavas entute ĉirkaŭ 950 adresojn, el plej diversaj landoj kaj profesioj. Por Belgujo, ni konstatis nur 11... Estas certe, ke en nia lando estas multaj aliaj firmoj, kiuj kapablas uzi Esperanton: ni esperu, ke ni trovos ilin en la proksima eldono.

PRO DIO! NE ESPERANTISTON! Unu akto, originale verkita de Karl Minor, Esperanto Verlag Ellersiek kaj Borel, 1924, 13-paĝa, 9.5 x 14 cm. Prezo G. Mk. 0.30. Taŭga komedieto por ludi dum Esperantistaj festoj. La rajto de prezentado estas akirebla per aĉeto de minimume 5 ekzempleroj de la libreto.

---

# Ne forgesu

# repagi vian abonon !

## ? Ĉu vi estas jam membro de U. E. A. ?